# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de Belga Ligo Esperantista*

Direktoro:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antverpeno
Telefono: 943.74

Abonpagoj kaj aliaj monsendoj al
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj**: M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, S-ino J. VAN DER VEKEN, M. DE KETELAERE.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas.*
*La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


## LA BELGA KONGRESO DE PENTEKOSTO PROKSIMA

La Loka Kongresa Komitato, pro la diversaj laboroj okazigitaj per la organizo de la Jubileaj Festoj de la Antverpena Esperanto-Grupo « La Verda Stelo », ne detale prilaboris la jam ĝenerale kunmetitan programon de nia Belga Kongreso de Pentekosto proksima.

Nun tamen ĝi aktive kaj daŭre eklaboras por fiksi kiel eble plej baldaŭ ĉiujn detalojn.

Je la lasta momento, ĝi prokrastigis la sendadon de aliĝiloj kun la antaŭa numero. La legantoj trovos tian, kiel aldonon al ĉi tiu numero de nia revuo.

La Loka Kongresa Komitato nun demandas al ĉiuj, kiel eble plej baldaŭ resendi tiun ĉi aliĝilon, por ke la organizantoj sufiĉe frue sciu por kiu nombro de partoprenontoj proksimume ĝi devas aranĝi la festojn.

Jam multaj ne nur enlande, sed ankaŭ en la najbaraj landoj, promesis veni Antverpenon dum la Pentekostaj tagoj. Ke ili do konfirmu sian intencon, se eble tuj; tio plifaciligos multajn aranĝojn por la plej granda bono kaj feliĉo de ĉiuj partoprenontoj.

Kiel montras la aliĝilo, pagoj povas esti farataj al la poŝtĉekkonto de la 21a Belga Kongreso de Esperanto, 44, Avenuo de Bruyn, Wilrijck-Antverpeno, dum korespondajoj estas sendotaj al la Sekretario de la L.K.K. Schoenmarkt, 16/1, Marché-aux-Souliers, Antverpeno.

LA LOKA KONGRESA KOMITATO.

## REPAGO DE KOTIZO 1932

Ne forgesu ke bela premio estos sendata al la membroj kiuj estos pagintaj sian kotizon antaŭ la 1a de Marto. Tiu premio konsistas el 2 interesaj broŝuroj enhavantaj la faman artikolon « *Esenco kaj estonteco de la ideo de lingvo internacia* » de Unuel kun tradukoj flandralingva de Willy De Schutter kaj franclingva de Maur. Jaumotte.

Ne forgesu do la daton: antaŭ la 1a de Marto... kaj pagu hodiaŭ.

# LA ARĜENTA JUBILEO DE "LA VERDA STELO" KAJ DE ĜIA FONDINTO

Kiel ĉiuj niaj legantoj jam scias, la Antverpena Grupo Esperantista « La Verda Stelo », antaŭ kelkaj tagoj festis la 25an datrevenon de sia stariĝo, per serio de solenaĵoj, kiuj, ni tion nun povas konstati, akiris grandan kaj ĝeneralan sukceson.

La unua festo, organizita en la festsalono « Patria », komenciĝis je la vera datreveno de la fondiĝo, nome la 23an de Januaro.

## *Parolado Jos. R. Scherer*

Estis feliĉa fakto por la organizanta festkomitato, kiu speciale kun tiu celo kunmetiĝis sub la prezidanteco de S-ro Jaumotte, ke ĵus en tiu jubilea tago, alvenis en Antverpeno, S-ro Jos. R. Scherer, la konata mondvojaĝanto, kiu sub la aŭspicoj de I.C.K. jam dum preskaŭ du jaroj vizitis kvardekon da landoj kaj nun estas sur la reirvojo al Los Angeles, kie li kutime loĝas kaj reprezentas kiel Delegito, nian Universalan Esperanto-Asocion.

La organizintoj anoncis, ke S-ro Scherer parolos pri « Hollywood, la Filmparadizo », kaj efektive la paroladisto komencis pritraktante tiun subjekton. Li tamen klarigis, ke oni jam tiom da fojoj petis de li tiun ĉi temon, ke la bildoj, kiujn li ordinare montras tiuokaze, difektiĝis. Cetere, li rimarkis dum sia vojaĝo, ke en Eŭropo oni konas pli detale la vivon en Hollywood, ol la enloĝantoj mem de Los Angeles, de kiu urbo, Hollywood estas nur parto.

Li dum kvarono da horo faris la enkondukon, kiu ĝenerale antaŭiras lian paroladon pri la Filmparadizo kaj per kiu li detruis, ĉe multaj, la belajn iluziojn, kiujn ili havas pri la filmsteloj kaj ties vivo, en la filmindustrio, kie multaj estas kandidatoj, sed malmultaj elektataj.

Li tuj poste petis la permeson montri la fotografaĵojn, kiujn li sukcesis akiri, speciale dank'al Esperanto kaj kiuj precipe rilatas al la intima vivmaniero de la Japanoj, kiuj ĝenerale tre malfacile liveras al fremduloj la sekretojn de sia hejmo.

Dum tuta horo S-ro Scherer kondukis la multnombran ĉeestantaron, tra Japanujo kaj en la domojn de siaj privataj Esperantaj amikoj, kies kutimoj kaj moroj estis agrable prezentitaj kaj klarigitaj.

Eĉ por tiuj, kiuj jam antaŭe multe legis pri tiu ĉi orienta Lando, aŭ kiuj eĉ havis korespondantojn en Japanujo, tiu ĉi parolado iĝis kvazaŭ vera rivelado.

La tuta klarigo estis cetere farita en sprita kaj bonhumora tono, kiu tuj havigis la ĝeneralan simpation al la lerta paroladisto. Tion li certe povis mem sperti dum la daŭro de sia rakontado.

Varmaj kaj longedaŭraj aplaŭdoj rekompencis lin pro la interesa vojaĝrakonto kaj la bela bildomontrado.

S-ro Jaumotte, kiu prezentis la paroladiston, ankaŭ lin gratulis kaj dankis en la nomo de ĉiuj.

## *Teatra prezentado*

Por la unua fojo la jubileanta grupo, okaze de tiu ĉi festo, metis sur la programon la reprezentadon de teatraĵeto, de Courteline « La Paix chez soi », antaŭmilite tradukita de la honora prezidanto de la Grupo, S-ro Fr. Schoofs. Tiu ĉi unuakto, skribita en bela Esperanto-lingvo kaj en stilo vigla kaj verva, estis, kun animo kaj fervoro, prezentita de F-ino Flora Lek, bonega Esperantistino, kiu kun multe da ĉarmo kaj kun la necesa disputema entuziasmo kontraŭstaris la postulemon de sia koleriĝinta edzo. Tiu ĉi, S-ro Willy De Schutter, estis tre laŭnature tipita felietonisto, kiu, kiel ĉiuj bonaj edzoj, fine, kliniĝis antaŭ la volo de sia gracia kaj lerte persistema edzino.

Estis duono da horo kun multe da bruo sur la scenejo, kaj kun multe da plezuro en la salonego. Ĉiuj efektive sin amuzis pro la ne-ordinaraj kaj ridigaj okazintaĵetoj de tiu petola verko de la franca humora majstro.

Dum ĉiuj aplaŭdis varme tiun unuan paŝon de la aktoraro de la grupo, faritan en plej bonaj kondiĉoj, malgraŭ tre mallonga prepartempo, la simpatia artistino ricevis belajn florojn.

## *Solena kunsido*

La tria, sed ne la lasta parto de la ampleksa programo, estis la solena Festkunsido.

Ĉirkaŭis la verdan tapiŝon, S-ro Maur. Jaumotte, prezidanto de « La Verda Stelo » kaj de la festkomitato; S-ro Fr. Schoofs, honora prezidanto; S-ro Petiau, prezidanto de la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj; S-ro Cogen kaj D-ro Kempeneers, vicprezidantoj de « Belga Ligo Esperantista », S-roj Morris De Ketelaere, vicprezidanto de la Festkomitato; Faes, sekretario, kaj De Coster, kasisto de la Grupo, apud kiuj ankaŭ venis sidi laŭ speciala peto de la Prezidanto, S-ro Scherer, reprentanto de I.C.K.

La Prezidanto, S-ro Jaumotte, komencis senkulpigi sin pri la fakto, ke li devis interrompi agrablan programon per oficiala parolado. Tamen en la nunaj cirkonstancoj, estis neeble tion eviti, ĉar, post 25 jaroj da ekzisto, grupo ne povas preterlasi honori sian fondinton kaj multajn fidelajn kaj sindonemajn kunlaborantojn por la komuna tasko.

Antaŭ kvin jaroj, la Grupo speciale festis la dudekjaran Esperantistecon de sia tiama prezidanto S-ro Schoofs. Hodiaŭ estas la grupo mem, kiu festas la unuan jubileon, kiu vere valoras en la ekzistado de societo, nome la dudekkvinan datrevenon de la starigo.

Efektive, la 23an de Januaro 1907a, en la orienta parto de la urbo, kunvenis kvar junuloj, de kiuj unu ĵus aŭdis pri Esperanto kaj klarigis al siaj amikoj, sian intencon starigi propagandan societon. Tiel oni diris, tiel oni faris: La proponinto iĝis prezidanto; dua, sekretario, tria, kasisto. Tiam la tri novaj komitatanoj sin turnis al la kvara kaj konsekris lin kiel « la » membro!

La Verda Stelo ekzistis. Kiel ĉiuj tuj estis ekkomprenintaj, la iniciatanto estis S-ro Schoofs, kiu dum dudek jaroj gvidis la elkreskon de la societo.

Post tiu ĉi mallonga skizo de la unuaj paŝoj de la grupo, S-ro Jaumotte klarigis, ke la Festkomitato juĝis bone havigi al ĉiuj jubileantoj kaj al ĉiuj

partoprenintoj de la festoj memorajon restantan, nome, por la unuaj, medalon, faritan laŭ la modelo de la malnova sigelo de la Societo; por la aliaj, la presitan Historion de la Grupo, verkitan de li en naŭ mallongaj skizoj.

Al S-ro Schoofs, la ĉefa jubileanto, la Festkomitato decidis donaci tiun ĉi medalon, ŝtampitan en oro kaj la « Historion », enŝovitan en luksan Gratulalbumon, kun belega leda kovrilo, ĉizita de la famkonata artisto A. Pollmann, kaj kiu, laŭ la espero de la organizantoj, restos kiel monumento de la Dankemo de tiu aro de fidelaj Esperantistoj, kunlaborantaj sur la Antverpena aŭ pli larĝa Belga Kampo, al la sukcesigo de ideo, kiu iĝis kara al la Honora Prezidanto antaŭ 25 jaroj kaj kiu restis la celo de lia vivo preskaŭ entute dediĉata al la Esperanta idealo.

Sinjoro Jaumotte dankis ankoraŭ ĉiujn partoprenantojn al la festoj kaj citis speciale la organizaĵojn, kies reprezentantoj subskribis la Gratulalbumon, nome: « Belga Ligo Esperantista »; Belga Esperanto-Instituto; Antverpena Polica Grupo Esperantista; Katolika Rondo; Esperantista Brusela Grupo; Genta Grupo Esperantista. Li ankaŭ varme dankis la « Polican Grupon », ĉar tiu ĉi alportis al la festo sian flagon, montrante tiel, ke ĝia membraro ĉiam restas dankema al la ĉarmaj donacintinoj de tiu flago, la sinjorinoj-membrinoj de « La Verda Stelo » kaj al sia unua postmilita kaj ĉiama profesoro, Sinjoro Schoofs.

En la Gratulalbumo estis ankaŭ presita Honora Listo, kun la nomoj kaj titoloj de la diversaj jubileantoj. S-ro Faes legis la palmareson de la festitoj. Ni ĝin represas ĉi sube. (*)

*Membro dum 25 jaroj*

S-ro Fr. SCHOOFS. — Honora Prezidanto. Prezidinto-Fondinto. Prezidanto de la Administrantaro de la laŭleĝa societo. Diplomita Profesoro. Prezidanto de Belga Ligo Esperantista. Ĉefdelegito de U.E.A. Sekretario-Kasisto de K.R. Sekretario de la 7a kaj Prezidinto de la 20a Universala Kongreso. Prezidanto de B.E.I. (1907)

*Membroj dum almenaŭ 20 jaroj*

S-ino L. BRUNIN-SCHOOFS. — Fidela membrino. (1912)

S-ro W. DE KONING. — Fidela membro. Kunlaborinto de la L.K.K. dum la Kongreso de 1928. (1912)

S-ro Jos. QUAEYHAEGE. — Fidela membro. (1912)

S-ro Em. WILLEKENS. — Fidela membro. Profesoro de Esperanto. (1912)

*Membroj dum almenaŭ 15 jaroj*

S-ro Maur. JAUMOTTE. — Prezidanto. Estinta sekretario, kasisto kaj festdirektoro. Administranto. Diplomita Profesoro. Kasisto de Belga Ligo Esperantista. Vicdelegito de U.E.A. Sekretario de la 20a Universala Kongreso. Administranto-del. de B.E.I. (1917)

S-ino H. SCHOOFS-VAN DEN PUTTE. — Edzino kaj sindonema helpantino de la Honora Prezidanto. Afabla gastigantino de la gekomitatanoj. Plej laborema Esperantistino. (1917)

(*) En tiu ĉi listo la jubileantoj estas enskribitaj laŭalfabete en ĉiu sekcio. La numero, indikas, ne la jaron de la Esperantist-iĝo, sed de la enskribo, sur la listoj de la grupo. Jam estas menciitaj en ĝi la membroj de 1923, kiuj repagis sian 10an kotizon por 1932.

*Membroj dum almenaŭ 10 jaroj*

S-ro M. BOEREN. — Estinta sekretario. Diplomita profesoro. Vicdelegito de U.E.A. (1922)

S-ro Edg. DE COSTER. — Kasisto. Administranto. Esperantisto de antaŭ la milito. Iama membro de la « Antverpena Grupo Esperantista ». Vicdelegito de U.E.A. Administranto de B.E.I. (1923)

S-ro Morris DE KETELAERE. — Vicprezidinto. Administranto. Diplomita Profesoro. Gvidanto de la kursfako. Vicdelegito de U.E.A. Administranto de B.E.I. (1920)

S-ro Jules DERWEDUWEN. — Prezidanto de la Polica Grupo Esperantista de Antverpeno. Fidela membro. Esperantisto de antaŭ la milito. (1920)

S-ro Willy DE SCHUTTER. — Gazetara Sekretario. Gvidinto de junula sekcio. Diplomita Profesoro. Vicdelegito de U.E.A. (1921)

F-ino Maria FABRY. — Fidela membrino kaj subtenantino de la grupo. (1922)

S-ro Alfred GEVERS. — Estinta sekretario de la Grupo. Fidela membro. (1921)

S-ro Jos. GROESSER. — Fidela membro. (1923)

S-ino M. JAUMOTTE-LOQUET. — Prezidantedzino. Fidela membrino. (1920)

F-ino Jeanne MORRENS. — Komitatanino kaj flegistino de la monskatolo. Komisarino de B.E.I. (1921)

S-ro Léon SCHOOFS. — Plej juna jubileanto. Unua membro, kiu ĝuis la membrecon de la tago de sia naskiĝo. (1921)

S-ro Const. SCHROYERS. — Gvidinto de la kantlernada sekcio. Diplomita profesoro. (1921)

S-ro Aug. SEELDRAYERS. — Fidela membro. Iama ĉiutaga kunlaboranto. (1920)

S-ino Gabr. SIMONS-VANHERENDAEL. — Fidela membrino. (1921)

S-ro D. SIMONS. — Fidela membro. Esperantisto de antaŭ la milito. Unu el la unuaj policistoj Esperantistaj. (1920)

S-ro E. URBACH. — Fidela membro, veninta el la eksterlando jam kiel Esperantisto. (1922)

S-ro Ed. VAN BEUGHEM. — Fidela membro, loĝanta en Gento. Diplomita Profesoro, antaŭe laborinta en la grupo. (1922)

S-ro H. VAN DEN PUTTE. — Fidela membro. (1923)

S-ro Jos. VAN REMOORTERE. — Fidela membro. Jam Esperantisto antaŭ la milito. Iama membro de la « Antverpena Grupo Esperantista ». (1923)

S-ro Oscar VAN SCHOOR. — Pioniro de la ideo de Internacia Lingvo. Iama Volapükisto. Komitatano de Belga Ligo Esperantista. Vicprezidinto de la Grupo. Prezidinto de la « Antverpena Grupo Esperantisto ». Vicprezidinto de la 7a kaj 20a Kongresoj Universalaj. Administranto de B.E.I. Esperantisto de pli ol 30 jaroj. (1920)

S-ro Gust. VERMANDERE. — Administranto. Esperantisto de antaŭ la milito en Gento. Delegito de U.E.A. Administranto de B.E.I. (1920)

S-ro Laur. VERMOND. — Fidela membro. (1923)

S-ro H. VERMUYTEN. — Komitatano, Profesoro de la Grupo, Komisaro de B.E.I. (1922)

La nomo de S-ro Schoofs estis vokata unue kaj la prezidanto, meze de la ĝenerala aplaŭdo, pinglis sur lian bruston la oran medalon. Tiam unu post la alia, la diversaj jubileantoj venis sur la scenejon por ricevi la juvelon.

Post tiu rekompencado de la fideleco kaj merito de la jubileantoj, S-ro Cogen, vicprezidanto de la « Belga Ligo Esperantista » stariĝis, kaj sendis nome de tiu organizaĵo la plej varmajn laŭdojn al S-ro Schoofs, pro lia dudekkvinjara energia laboro. Poste li sin turnis al la jubileantoj, membroj de « La Verda Stelo », la plej granda nacia grupo, kaj dankis ne nur pro tio, kion ili faras por sia grupo, kaj per tiu grupo por la Ligo, sed ankaŭ pro ilia fideleco al la alta komuna idealo, Esperanto mem. Li speciale honorigis la hodiaŭan prezidanton, S-ron Jaumotte, kaj finante, li alparolis la junajn novajn membrojn de la grupo, instigante ilin imiti la ekzemplon de iliaj antaŭirantoj.

S-ro Petiau, prezidanto de la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj, havis nur laŭdvortojn por S-ro Schoofs, kiu en tiu organizaĵo, kiel sekretario-kasisto, montras la saman sindonan laboremon, kiun li ĉiam montris kiel prezidanto de la Belga Ligo, dum dudek jaroj, kiel prezidanto de « La Verda Stelo », kaj nun ankoraŭ kiel honora prezidanto de tiu sama grupo. Poste li esprimis sian ĝojon, ke li povis ĉeesti tiun arĝentan jubileon de grupo, kiu posedas tiel energian estraron kaj tiom da fervoraj membroj.

D-ro Kempeneers, prezidanto de la Esperantista Brusela Grupo, komencis, senkulpigante Doktoron Van der Biest, kiu ne povis ĉeesti, kaj kiu, kiel antaŭa Antverpenano kaj kunlaboranto de la unuaj horoj de S-ro Schoofs, estus estinta pli kapabla por laŭdi « La Verda'n Stelo'n » kaj ĝian honoran prezidanton kaj fondinton. Al la jam esprimitaj bondeziroj kaj gratuloj li aldonis tiam tiujn de la Brusela Grupo, unualoke kaj samtempe de la aliaj Belgaj societoj.

S-ro Scherer petis la parolvicon, kaj en vortoj plenaj de la plej sincera admiro por la granda laboro farita de S-ro Frans Schoofs kaj de liaj diversaj kunlaborantoj, li aldonis la plej varmajn gratulojn. Li ankaŭ esprimis sian ĝojon, konstatante, ke en Antverpeno, oni scias rekompenci, dum belegaj festoj, la laboron de fervoraj Esperantistoj kaj klarigis havi la intencon enkonduki tiun medaldisdonon en Los Angeles, kaj tiel en Ameriko.

Nun S-ro De Ketelaere, vicprezidanto de la festkomitato, leviĝis kaj parolis je la nomo de la jubileantoj. Li diris, ke ili fieras pro la ricevo de la medalo, ĉar tio estas por ili simbolo de ilia fideleco al la kara komuna idealo Esperanto, kaj al ilia grupo « La Verda Stelo ».

La serio de paroladoj estis fermita de S-ro Schoofs. La Honora Prezidanto dankis pro ĉiuj laŭdoj, per kiuj oni superŝutis lin kaj pro la belaj donacoj de la festpartoprenantoj. Li speciale dankis la organizintojn kaj la ellaborintojn de la festoj, kaj ĉiujn grupojn kaj privatulojn aliĝintajn. Por ne pli longtempe reteni la publikon de la bela koncerto, li tiam akcentis la vortojn de S-ro Jaumotte : « La Verda Stelo vivis, vivas kaj vivos ! » kiuj estas por li la plej bona garantio por la estonto de la grupo de li kreita antaŭ dudek-kvin jaroj.

Ĉiuj paroladoj estis salutitaj de varma kaj longedaŭra aplaŭdado.

## *La koncerto*

Post la solena kunsido oni tuj komencis la koncertan parton. S-ro Hector Vermuyten deklamis kun sia konata talento la kortuŝan « Fabelon » de Pol de Mont, en belaj Esperantaj versoj tradukitan de li mem. Li rikoltis varman sukceson. Tiam S-ino Vandevelde-Cortens kantis unue arion el « Il Barbiero de Seviglia » de Rossini, kaj poste el la « Rakontoj de Hoffmann » de Offenbach, akompanante sin mem ĉe la pianoforto. Longedaŭra aplaŭdo pruvis al ŝi la ĝuon, kiun ŝi havigis al la aŭdantaro. La vico estis nun al S-ino Lucette Faes, kiu pianeludis la « Menueto'n » de Will. Shield kaj « Hispana'n Danco'n » de Granados. Ambaŭ muzikaĵoj estis arte luditaj kaj havigis al ŝi la gratulojn de la publiko, esprimitajn en kora aplaŭdo. Akompanate de F-ino Verelst, S-ro Boffejon kantis « En la Laŭbo » de J. Blockx, kun teksto lerte tradukita de S-ro Jaumotte. La gvidanto de la kantsekcio meritis, pro sia sentoplena kantado la sukceson, kiun oni faris al li. La ĉarma profesorino, F-ino Maria Jacobs deklamis kortuŝe la belegan baladon de la « Du Gereĝidoj » laŭ traduko de S-ro Vermuyten, kaj la mallongan, sed delikatan « Nenio » de Guido Gezelle, tradukitan de Marcel Somerling. Poste S-ro G. Loquet kantis per sia varma baritonvoĉo « Stances » el « Lakmé » kaj « Flandrolando » de R. Veremans, tradukitan de Maur. Jaumotte. La du lastaj kunlaborantoj estis ankaŭ longe aplaŭdataj. Al ĉiuj kunlaborantinoj estis prezentitaj belaj floroj. Entuziasma « Espero » finigis la sabatan feston.

## *La festeno*

Dimanĉe kvindekdu partoprenantoj en la festoj kuniĝis en unu el la unuaetaĝaj ĉambroj de la salono « Patria ». Tie okazis la akcepto kaj estis prezentitaj al ĉiuj sinjorinoj kelkaj belaj floroj.

Je la honortablo sidiĝis tiam, ĉirkaŭ S-ro Jaumotte, la prezidanto, S-inoj Schoofs, Kempeneers, Staes, Jaumotte, Faes, De Ketelaere, F-ino Jacobs, kaj S-roj Schoofs, J. R. Scherer, Cogen, D-ro Kempeneers, Petiau, De Ketelaere, Faes kaj De Coster.

La salono kaj la tabloj estis tre bele ornamitaj de... Mano de Feino... (senpaga reklamo) ; la manĝaĵoj tre bone preparitaj, kaj de la unua momento regis en la granda salono la plej intima kaj agrabla atmosfero. Dum la festeno F-ino Beuschel ludis perfekte pianon, dum kun multe da sukceso F-ino M. Jacobs kaj S-ro G. Loquet kantis belajn ariojn.

Je la horo de la toastoj, la prezidanto leviĝis kaj proponis unue levi la glasojn je la honoro de la Honora Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista, princo Leopoldo kaj de la Reĝa Familio. Du telegramoj estis forsenditaj al la Reĝo kaj al la Princo por esprimi al ambaŭ la sentojn de fideleco de la kunvenintaj esperantistoj.

Poste S-ro Jaumotte kunigis en unu sama honorigo Gesinjorojn Schoofs, la Honoran Prezidanton, kiu ĉiam tiel fervore batalis por Esperanto kaj lian afablan edzinon, kiu en ĉiuj okazoj tiel diligente helpas lin. Al S-ino Schoofs estis prezentita belega florkorbo.

Li tiam salutis S-ron Scherer kaj reesprimis sian ĝojon pro lia ĉeesto en nia mezo dum la festoj. Dankinte tiam ĉiujn ĉeestantojn, li speciale altiris la atenton sur la fakto, ke la tuta Ligestraro kunvenis ĉirkaŭ la festotablo kaj ke

plie tiuj sinjoroj estas ankoraŭ akompanataj de S-ino Staes, la fidela subtenantino de nia movado kaj de la edzino de unu el ili, S-ino Kempeneers, al kiu kiel signo de dankemo al ne-Antverpenaj ĉeestantoj estis donacitaj belaj floroj.

Post novaj laŭdoj al la jubileantoj, S-ro Jaumotte deklaris ke tamen restas ankoraŭ iu, kiu ne estis speciale festita, kaj kiu havas la grandan meriton esti fidela ĉeestantino de ĉiuj kunvenoj, kaj alporti en ilin ĉiam bonan humoron kaj veran familian senton : nome S-ino Van Bockel. Dum tondra aplaŭdo salutis tiujn lastajn vortojn, fakto, kiu pruvas la simpation, kiun S-ino Van Bockel ĝuas senescepte de ĉiuj membroj, oni transdonis ankaŭ al ŝi belan florkorbon, kiun ŝi akceptis kortuŝite.

Tiam ĉiuj glasoj leviĝis je la honoro de ĉiuj personoj, nomitaj de la prezidanto.

S-ro Faes, la sekretario, stariĝis nun kaj honorigis en malmultaj, sed tial des pli profunde sentitaj vortoj la nunan prezidanton, S-ron Jaumotte kaj ties edzinon, kiu ankaŭ devis akcepti, meze de varma aplaŭdo plej belajn florojn. Li poste legis multajn gratultelegramojn, senditajn al la grupo kaj al S-ro Schoofs, kaj tre gajan poezion skribitan de S-ro Kreuz, kiu multe amuzis la festantojn kaj kiun ni presigas aliloke.

S-ro Cogen aldonis novajn gratulojn por la grupo, por ĝia honora prezidanto kaj por la estraro, nome de la Belga Ligo, kaj S-ino Elworthy-Posenaer legis specialan alvokon al la junuloj, sekvi la paŝojn de la nunaj jubileantoj.

S-ro Scherer en tre humora alparolado, esprimis ĉiun sian ĝojon, ke li havis la ŝancon ĝuste alveni en Antverpeno, dum tiuj grandaj Esperantistaj festoj, kaj renkontiĝi tie kun tiom da ĉarmaj sinjorinoj kaj fraŭlinoj. Li nur petis, ke la oficialuloj obeu la deziron esprimitan en la manĝokarto : « ne tro multe paroli, kaj tre baldaŭ malsupreniri por danci » por ankoraŭ en pli proksima apudeco ĝui ilian ĉeeston. »

S-ino Willy De Schutter tiam dankis je la nomo de ĉiuj Sinjorinoj por la laŭdoj, kiujn oni dum la paroladoj adresis al ili, kaj S-ro Schoofs ankaŭ tie ĉi fermis la serion de toastoj. Li aldonis siajn gratulojn al ĉiuj tiuj, faritaj de la diversaj partoprenintaj al la jubileanta grupo. Li esprimis sian firman fidon en la estonteco de la grupo, de li fondita kaj elkreskinta ĝis la forta societo, kiu ĝi nun estas.

Li finis sian toaston trinkante je la bonfarto de « lia amiko Maurice », la nuna prezidanto, kiu jam dum kvin jaroj gvidas kun tiom da energio kaj laboremo la « sorton » de la grupo.

## *La balo*

Nun la « festenintoj » malsupreniras, kiel ĝin petis S-ro Scherer kaj alvenis en la dancejon, kie jam multaj membroj de la grupo kaj partoprenintoj en la festoj atendis ilin por komenci la dancadon.

Entuziasme ludita « Espero » salutis la eniron de la festenintoj, antaŭirataj de S-ro Jaumotte kaj S-ino Fr. Schoofs.

Dum multaj horoj la tre junaj kaj la junaj festantoj dancis sur la bone markita ritmo de bonega orkestro kaj amuziĝis tiel bone, ke la fina danco multe tro rapide venis por ĉiuj.

Je·la fino de tiu vere gaja kaj familia festo estis farita entuziasma ovacio al la fondinto de « La Verda Stelo », kiam liaj amikoj portis lin triumfe sur siaj ŝultroj tra la salono, kantante « Vivu nia Sus! »

Dum la balo, la sekretario S-ro Faes profitis la okazon, ke tiu festobalo estis la plej bona reklamo por la karnavalbalo, por anonci tiun. La karnavalbalo estos organizata en la sama salono la 5an de Marto kun la sama orkestro. Kartoj estas jam mendeblaj en la sekretariejo, Schoenmarkt, 16/1.

La festkomitato povas fieri pro la bona sukceso de la diversaj festoj, pri kiuj ni aŭdis multajn ĉeestantojn esprimi sian plenan kontentecon.

A. R. Guso.

## NIA AMIKO KREUZ SKRIBAS POEZIOJN

Dum la festoj de « La Verda Stelo », estis legita poezio, sendita de S-ro Kreuz, nia bona amiko, direktoro de I.C.K., okaze de tiuj ĉi festoj.

Ni ĉi sube presas tiun bonhumoran poezieton de la direktoro de nia ĝenerala movado, kiu en Belgujo, kaj speciale en Antverpeno konas multajn amikojn:

### Vestibla Dialogo

*okaze de la Jubilea Festo de l'grupo « VERDA STELO » en Antverpeno, 1932.*

Ĉu tiel malplena la salono de nia festo?
Ĉu ne·mankas iu sinjoro en nigra vesto,
Ne granda, sed dika kaj kun respektinda ventro?
?? J-a, zeker — vi pensas pri la direktoro de l'Centro
en Genevo?! Li bedaŭrinde ne povos ĉeesti,
Ĉar pro granda laboro li devas hejme resti.
Ja, tiel malproksime, ho grandega domaĝo.
Estus tempo-raba lia veno — kia vojaĝo!
Kaj feliĉege li ankaŭ nin lasas en paco —
Imagu nur, por danci ne plu estus spaco
Ĉi tie. Sed ja venas lia reprezentanto,
S-ro Scherer, la konata mondvojaĝanto.
Por ĉi tiu la restado ja estas facila.
Li estas pli granda, pli juna kaj eĉ gracila.
Por li, oni petis min « rompi nun lancon »,
Ke ĉe la fraŭlinoj li havu bonŝancon
Ke montriĝos eventuale en Antverpeno,
Ke duoble eĉ sukcesis ĉe ni lia veno.
Ke eble ne « sene » foriru al Ameriko
Nia kara, simpatia, mondfama amiko.
Potverdomme!! — Ĉu ideo via, tre kaprica?
N-e, tion skribis Kreuz. Ĝi estas iom malica.
Siajn manojn li certe « en senpeko » lavos,
Se, neatendite, li tuj poste jam pravos.
Kial ne?... Ne nin koncernas tio, en vero,
Ĉar Scherer okupos sin mem pri la afero.

Tele-aŭdita de Rob. Kreuz, Genève. 23-1-1932.

# FAKTOJ PRI LA PROGRESADO DE ESPERANTO

*Kompilitaj de la Internacia Gazetara Komisiono, komisiita de ICK.*

VIENO (Septembro). — La Loka Komitato de la 2-a Laborista Olimpiado plej vaste uzas Esperanton kaj la servojn de la laborista Esperanto-organizo por varbado kaj disvastigo de sia aranĝo. 80.000 laboristoj el diversaj landoj partoprenas tiun ĉi Sportmanifestacion.

ODESSA (Septembro). — La ŝtata eldonejo de Ukrajno preparas eldonon de Antologio de Ukrajnaj Verkistoj, en Esperanto.

VARSOVIO (Septembro). — La dua pola medicina ĵurnalo « Kvartalni Klinicznh » de nun enpresas post ĉiu originala artikolo resumon en Esperanto.

LONDONO. — La 30-an de Septembro, kongreso de Anglaj Okulistoj akceptas unuanime favoran rezolucion por Esperanto kaj starigas komitaton por esplori organizrimedojn. La fama faka revuo « The Optician » publikigis raporton pri tiu kongreso en angla lingvo kaj en Esperanto.

DENVER (Oktobro). — La « Tutmonda Federacio de Edukaj Asocioj », fondita en 1923, en sia Kongreso de 1931, en kiu kunvenas kelkaj miloj da geinstruistoj de la ĉefaj asocioj de edukado de almenaŭ 30 nacioj, alprenas rezolucion, per kiu ĝi rekomendas elekton de Komisiono por esplori la demandon pri internacia lingvo, ekzemple Esperanto, kiel rimedon por realigi la celon de la Tutmonda Federacio. Tiu ĉi Komisiono raportu en la venonta Kongreso.

OSAKA (Oktobro). — La granda japana radiostacio de Osaka elsendis kurson de Esperanto dum julio kaj aŭgusto. Rezulto: du eldonoj (18.000 ekzempleroj) de lerno-libro elĉerpiĝas. 1.200 personoj sendas kopion de diktado por ekzameno.

GENEVO (Oktobro). — La unua Mondkongreso por aŭtomobil-vojoj decidas moralan aprobon de la propono uzi Esperanton kiel helplingvon por la signaloj kaj por faciligi la vojaĝojn de aŭtomobilistoj.

VADUZ (Oktobro). — La Princlando Lihtenstejno aperigas 2-an eldonon de oficialaj poŝtkartoj kun novaj interesaj bildoj de la lando kaj teksto en germana lingvo kaj en Esperanto. La eldono konsistas el 2 serioj po 10 kartoj kaj du kartoj sen bildoj. Poŝtmarkoj kaj fotoj estas majstroverko de la konata Viena artisto Kort. Konsilisto Kosel. Ankaŭ por la eldono en 1930 la poŝto de Lihtenstejno uzis Esperanton por turisma propagando.

CANNES (Novembro). — La Magistrato de Cannes (Francujo), fame konata urbo kaj ĉiuvintre vizitata de multenombraj alilanduloj, decidas uzi Esperanton por la trafik kaj urbsignalado. De nun ĉiu indik-tabulo, ĉu fosta, ĉu mura, estos redaktata france kaj Esperante. La unuaj indikoj estas starigataj la 9-an de Novembro kaj tre bone efikas.

# XXIVa Universala Kongreso de Esperanto

**PARIS** **30 Julio ĝis 6 Aŭgusto 1932** **PARIS**

ADRESO: XXIV-a Kongreso de Esperanto, Maison de France,
101, Avenue des Champs-Elysées, Paris VIIIe.
BANKO: Société Générale (Agence K) Paris. — (Konto 10.115).
Poŝtĉekoj: Le XXIVe Congrès Universel d'Esperanto, Paris 1647-59.

# ALIĜILO

*Skribu tre legeble — prefere per skribmaŝino.*

Mi, subskribint(in)o, deziras aliĝi al la XXIVa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO kaj mi pagas la sekvantajn kotizojn:

| | | |
|---|---|---|
| 1 Kongresa Karto . . . . . . . . . . . . | Francaj frankoj | 125.— |
| .....Junula(j) Karto(j) po francaj frankoj 30,— (vidu klarigon dorse) | — | ........... |
| Mia donaco al la Kongresa Kaso . . . . . | — | ........... |
| Mi sendas ĉi kune la sumon de . . . . . . | — | ........... |

per ĉeko, poŝtĉeko, mandato — per monbileto(j) en registrita letero — pere de banko — per ..........................................................................

Familia nomo (1) S-ro / S-ino / F-ino ..........................................

Personaj, antaŭ- aŭ baptonomoj (1) ..........................................

Profesio (2) ..........................................

Nacieco (1) ..........................................

Strato (1) .......................................... N-ro ..............

Urbo (1) ..........................................

Provinco (1) .............................. Lando (2) ..............................

Kune venos gejunuloj (malpli ol 17-jaraj), kies nomoj estas:

..........................................................................

..........................................................................

Dato: Subskribo de la Kongresano:

..............................1932 ..........................................

(1) En nacia lingvo.
(2) En Esperanto.

VIDU DORSFLANKEN

# GRAVAJ KLARIGOJ

1. Laŭ decido de la Loka Kongresa Komitato la kotizoj por la XXIVa Universala Kongreso estas fiksitaj jene:

(a) La kongres-karto N-ro 1 estas vendota aŭkcie (oni povas jam sendi proponojn).

(b) Kongres-kartoj 2 ĝis 11 estas rezervitaj

(c) Kongres-kartoj 12 ĝis 100 inkluzive kostos po mil francaj frankoj.

(ĉ) Kongres-kartoj de 101 ĝis la fino kostos po 125 francaj frankoj.

(d) Gejunuloj (malpli ol 17-jaraj je la 1-a de aŭgusto 1932) povas ricevi kongres-karton rabate, po Fr. 30,—; ili rajtas ricevi senpage la *Gazeton de la XXIVa*, sed ne la aliajn dokumentojn de la Kongreso.

2. Post la 1-a de julio 1932 la ĉi supraj kotizoj (ĉ) kaj (d) estos altigitaj laŭvice po Fr. 75,— kaj Fr. 30,—. Sekve, post tiu dato, la ordinara kotizo estos Fr. 200,—, kaj la Junula kotizo kostos Fr. 60,—.

3. Tuj post ricevo de la kotizo la Loka Kongresa Komitato sendos la Kongres-karton. Se tiu karto ne alvenos ĝustatempe, oni bonvolu informi la Komitaton.

4. La Loka Kongresa Komitato eldonas la *Gazeton de la XXIVa* komence de januaro 1932. La *Gazeto de la XXIVa* estos sendata al ĉiu Kongresano.

5. En konvena tempo ĉiu kongresano ricevos diversajn mendilojn por loĝado, k.t.p., kaj kongresajn eldonaĵojn.

6. Por eviti poŝtajn elspezojn, la Komitato respondos al ĉiuj neurĝaj demandoj de la kongresanoj pere de la *Gazeto de la XXIVa*.

---

La belgaj partoprenontoj povas sendi sian aliĝilon al Fr. Schoofs, ĉefdelegito de U.E.A., Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien, Antverpeno, al kies poŝtĉekkonto 284.20 ili ankaŭ povas sendi la kotizon.

Suprenomita samideano ankaŭ organizas karavanon al la kongresurbo. « Belga Esperantisto » ĝustatempe publikigos la detalojn.

---

**Rezervita por la Kongresa Oficejo**

*Ricevita* .................................... *Mono* ....................

*Al banko* ....................................................................

*Provizora Karto sendita* ...............................................

*Slipoj* ..........................................................................

## REKOMENDATAJ HOTELOJ

ANTVERPENO:

**De Witte Leeuw,** 4 Frankrijklei. Tel. : 373.21.
**Monopole,** Statiestraat, 21. Tel. : 267.15.
**Progrès,** De Keyserlei, 61. Tel. : 353.81.
**Roi Albert,** Place de la Gare, 44. Tel. : 217.60.

BRUSELO:

**Brasserie du Sac,** Grand'Place, 4. Tel. : 12.62.25.
**Hôtel des Négociants,** rue de la Fourche, 17. Tel. : 12.69.23 & 11.08.44.
**Hôtel de l'Espérance,** Pl. de la Constitution 14. Tel. 11.27.91.
**Grand Hôtel G. Scheers,** Boul. Adolphe Max. Tel. 17.77.60 ĝis 62.
**Grand Hôtel des Colonies,** rue des Croisades 2. Tel. : 17.00.94.

GENTO:

**Hôtel de lYser,** 65 Flandra strato. Tel. : 110.91.
**Hôtel Terminus,** Placo Marie Henriette. Tel. 110.45.

NINOVE:

**Hôtel de l'Etoile,** Place de la Station. Tel. : 19.

# BELGA KRONIKO

BRUGO. — " **Bruĝa Grupo Esperantista** ". — Dimanĉon, 20 Dec. okazis propaganda festo en nia sidejo « Cornet d'Or », kun ludado de 2 teatraĵetoj, kantoj, deklamaĵoj kaj muzikaĵoj. Tombolo finis la vesperon. La salono estis tutplena kaj la festo tre bone sukcesis. Ĉiuj ĉeestantoj reiris kontentaj. Ekstergrupaj ĉeestantoj estis S-roj L. Cogen, el Ninove, H. Petiau el Gento kaj H. Braet el Nieuwpoort.

Mardon la 29an de Dec. la grupanoj kunvenis ĉe Vieux-Bruges. Intima babilado kaj humoraĵoj de S-ro Guillaume plenigis la vesperon.

Dimanĉon la 3an de Januaro estis la jara festo de la teatra sekcio de la grupo. Post ludado de la disko kun « La Espero », F-ino Yv. Thooris, prezidantino de la grupo alparolis la ĉeestantaron. Tiam okazis elmontro de simpatisentoj al la prezidantino, kiu ricevis memorigan donacon. Deklamis S-ro Jos. Campe kaj post ludado de la dua akto de « Esperanto kaj Amoro » oni havis plej gajan dancadon.

La 5an de Jan. S-ro Babaskéroff prelegis pri la temo« Klopodu por Esperanto ». — Humora vespero kun deklamado de diversaĵoj okazis la 12an de Jan.

Vendredon, la 15an de Jan. malfermiĝis nova vintra kurso. Kelkaj novaj lernantoj enskribiĝis.

BRUSELO. — " **Esperantista Brusela Grupo** ". — La 4an de Jan. S-ro Swinne faris vere interesan paroladon, agrabligitan per diversaj eksperimentoj pri fabrikado de bombonoj. Li plene interesis la ĉeestantojn per temo, kiun oni ankoraŭ neniam havis okazon aŭdi. Cetere, li disdonis specimenojn por pruvi la bonan kvaliton de la specialaĵoj de la firmo Swinne, kion ĉiuj povis konstati gustumante ilin. Atentinde estas la fakto, ke nia samideano Swinne eklernis Esperanton en Oktobro 1931 ; t.e. antaŭ apenaŭ tri monatoj, kaj li elparolis nian lingvon tiel bone, ke ĉiuj ĉeestantoj esprimis sian miron.

La 11-an S-ro De Kegel faris provlecionon laŭ rekta metodo. Krom la ordinaraj ĉeestantoj, estis trideko da ne-esperantistoj. Ili atente sekvis la kurson kaj tre bone respondis al la demandoj de la profesoro. Poste la profesoro instruis gajan kanton kaj antaŭ ol foriri pli ol unu el la ĉeestantoj esprimis la deziron sekvi la proksiman kurson.

La 18an okazis la ĝenerala kunsido kaj poste oni legis ŝercojn.

La 25an S-ro SCHERER, unu el niaj plej bonaj paroladistoj esperantistaj, kaj delegito de U.E.A. en Los Angeles parolis agrable dum 2 horoj pri Japanujo, Bali, Java kaj Indo-Ĉinujo.

HASELTO. — La Esperanto-kursoj (por komencantoj kaj prefektiga) organizitaj de la " **Haselta Grupo Esperantista** " kaj ambaŭ gviditaj de S-ro P. Van Genechten sukcesplene finiĝis la 28-an de Januaro pasinta.

S-ro Nackaerts, Grupa Prezidanto, ĉeestante la lastan lecionon, gratulis la gelernantojn kaj la kursgvidanton pri la atingita rezultato kaj esprimis sian fidon kaj esperon pri la daŭra ekzistado kaj la progreso de la grupo.

CHENEE — LIEGE — SCLESSIN. — **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** — Dum la du lastaj monatoj, la agado de la Societo precipe celis la festan parton.

La 29-an de oktobro, kun la altvalora kunlaboro de la bonega teatra societo « La Gaillarde de Liége », la festkomisio okazigis en Radio-stacio de Cointe sian duan koncerton, kies programo enhavis unu agrablan unuaktan teatraĵon kaj kantadojn de S-roj Godart, Derigat, Henrotte, Harspers kaj F-ino Gillot, akompanitaj de S-ino Swennen. La koncerto trafis bonan sukceson, pri kiu ĉiuj artistoj estu gratulataj.

La 8-an de novembro, la societo komencis serion de monataj intimaj festoj en sia beleta sidejo per grandsukcesinta koncerto, kiun ĉeestis okdeko da personoj. Multaj talentoplenaj kantistoj, inter kiuj S-roj Godart, Henrotte, Derigat, Michel Smet, Juno, k.a. aplaŭdigis sin en siaj tre ŝatitaj repertuaroj. La kantvespero lerte gvidita de nia Festprezidanto, S-ro Derigat, estis sekvita ĝis tre malfrue de tre gaja dancoparto, dum kiu nia nelacigebla pianistino, S-ino Swennen, certigis unu fojon plie sian admirindan talenton. Nian rean dankon al ĉiuj bonvolemuloj, kiuj sukcesigis la aferon.

La sukceso de tiu unua privata festo incitis la komitaton efektivigi la projektitan programon, kaj dua vespero okazis la 27-an de decembro en la sama ejo. Pro la proksimeco de tiu dato al la kristnaska kaj novjara festoj, pli malmultenombra publiko ĉeestis la kunvenon; artistoj ankaŭ ne estis tiel multaj. Tamen, malgraŭ tiuj malhelpaĵoj, oni amuziĝis bonege. Niaj amikoj, S-roj Hiard, Derigat, Delvoie, Lisienko, k.a. havis la feliĉon krei per siaj bonegaj kantoj kaj spritaĵoj la bezonitan festan atmosferon. Ankaŭ finis la koncerton agrabla danca parto, sub lerta muzika gvido de S-ro François, dum kiu membro de la societo mirigis ĉiujn per belega montro de akrobata dancado. Resume, bonega kaj amuzega kunveno tre kuraĝiga por la estonto. La dankemo de la Societo estas akirita de ĉiuj instigintoj de la vespero.

Krom tio, ni menciu la daŭrigon de niaj diversaj kursoj, kiuj regule okazas en Chênée, Liége, Sclessin kaj Cointe-Radio.

Niaj ĵurnaloj, precipe « Journal de Liége », « L'Ecran », « Les Attractions Liégeoises », « Bulletin du Cercle Franklin » regule ĉiusemajne aperigas niajn propagand- kaj informartikolojn.

La novembra numero de la Bulteno de la Lieĝa Komercĉambro enhavis la oficialan avizon rekomendantan la tradukservon de nia Societo.

La jara ĝenerala kunveno de la Societo okazis dimanĉon 17-an de januaro, je la 10 a matene, en Café de l'Académie. Ĝia tagordo enhavis la diversajn komitatajn raportojn, la reelekton de la komitato kaj la starigon de programo de la unua 1932-jarduono.

La Lieĝa grupo havis sian ĝeneralan kunvenon la 10-an de januaro, en sama ejo, por definitive aprobi la novan regularon kaj novan komitatformadon, kaj aŭdi la diversajn finjarajn raportojn.

La 24-an de januaro, ree en la sidejo, malfermiĝis je 20-a vespere la tria monata intima festo, por kiu la festkomisiono akiris la valoran kunhelpon de grandtalentaj muzikistoj, kantistoj kaj eĉ de unu iluziisto. Similaj vesperoj estas ankoraŭ projektitaj por februaro, marto kaj aprilo.

Ĉar la Radio-kurso en Cointe baldaŭ finiĝos, la propagandkomisio projektas daŭrigi la uzon de tiu Radio-stacio por la disaŭdigo de propagandparoloj kaj de informoj pri Esperantomovado. Tiu aranĝo komenciĝus do en la unuaj tagoj de februaro.

# BILDO EL BIALISTOKO



La domo en kiu naskiĝis D-ro L. L. Zamenhof, aŭtoro de Esperanto.

# ESPERANTO-LINGVO DE RADIO

*La radio-sendstacioj anoncu sian stacion, grandan paŭzon kaj la finon de la sendado laŭ jena formo:*

*1. Halo! Halo! Radio-stacio . . . . (Paris) . . . . .*
*2. Halo! Halo! Radio-stacio . . . . denove sendos post . . . minutoj.*
*3. Halo! Halo! Radio-stacio . . . . sendos nun . . . . .*
*4. Halo! Halo! Radio-stacio . . . . finis la sendadon.*

En la lastaj jaroj kelkfoje radio-sendstacio anoncis sin kaj la programon krom en sia patra lingvo ankaŭ en Esperanto. Estas nia plej grava tasko subteni ĉi tiujn provsendadojn laŭforte, ĉar ili eble estos la bazo por enkonduki Esperanton kiel Radio-lingvo. Ankaŭ en ĉi tiu jaro verŝajne sin trovos sendstacio, kiu uzos nian lingvon por ĉi tiu celo. Krom tio la Internacia Radio-Servo preparas tiurilatan atakon al kelkaj sendstacioj, kies adresoj ankoraŭ estos publikigataj. Por prizorgi, ke tiu atako bone funkciu kaj la sendstacioj esprimu la saman aferon sammaniere estas necese antaŭe starigi radio-frazaron kaj priparoli la tekston de la plej gravaj frazoj. Rekomendinde estas, komence limigi la nombron de la frazoj je 3—4 por havi la eblecon publikigi ilin facile en ĉiu radio- kaj tag-gazeto de Eŭropo. En ĉi tiu kazo la anoncistoj kaj la aŭskultantoj ne bezonas lerni Esperanton. Alifoje ne estas dubinde, ke iom post iom la anoncistoj uzos de si mem ankaŭ aliajn frazojn en la esperanta lingvo. Por enkonduki la aferon sufiĉas la kvar frazoj, kiuj staras je la kapo de ĉi tiu artikolo kaj kiuj detale estas priskribitaj jam en « Heroldo » n-ro 461.

La subskribinto petas la kunlaborantojn de IRS, la Radioamikojn kaj la gesamideanojn, kiuj volas helpi nin tiurilate, sendi informon al IRS. Necese estas, ke tuj post kiam radio-stacio sekvos nian proponon, eniru almenaŭ 1000 poŝtkartoj el eksterlando. Simile ni devas organizi la aferon por instigi konvenan sendstacion, anonci sin kaj la programon en Esperanto. Ni alvokas la tutan esperantistaron kunlabori al tiu celo. *Ĉu estos eble, ke el la 100.000 esperantistoj almenaŭ 1000 agu komune kaj skribu poŝtkarton por atingi certan celon?* Kiu volas kunhelpi sendu tuj sian adreson al

Internacia Radio-Servo, komisiita de I.C.K.,

Adreso: Johannes Jungfer, Lindenstrasse 10, Lübben (Spreewald) Germ.

---

## *NOTU LA DATOJN!!*

**14-16 Majo 1932**: 21a Belga Esperanto-Kongreso en ANVERPENO

**30 Julio — 6 Aŭgusto 1932**: 24a Universala Esperanto-Kongreso en PARIZO.

*Faciligu la taskon de la organizantoj: Aliĝu frue!*

# NIA FAMILIA KRONIKO

## GRATULOJ

Al S-ro **Jules Derweduwen**, prezidanto de la Antverpena Polica Grupo Esperantista, membro de « La Verda Stelo » kaj de U.E.A., al kiu la registaro dediĉis la kavalirecon en la Ordeno de Leopoldo II, pro servoj faritaj de li kiel estro de la polica servo en la Universala Ekspozicio 1930 de Antverpeno.

Al S-ro **Rik Sauter**, membro de « La Verda Stelo » kaj de U.E.A., kiu ricevis la saman honorigan titolon, pro siaj belegaj artistaj laboroj en la Kongo-Palaco de la suprenomita ekspozicio.

Al S-ro **Gustave Faes**, membro de « La Verda Stelo » kaj patro de niaj bonaj geamikoj Ges-roj Aug. Faes-Janssens, al kiu la franca registaro dediĉis la titolon de Akademia Oficiro.

## NEKROLOGO

S-ro **Louis Alexander**, avo de Gefratoj Van den Bossche kaj de F-ino Angèle Van Walle, mortis 78-jara en Antverpeno, la 25an de Januaro. Ni prezentas niajn korajn kondolencojn al la cititaj genepoj, kiuj ĉiuj estas membroj de « La Verda Stelo ».

# POR LA KASO DE NIA LIGO

Tria listo de donacoj ricevitaj:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| H. Boffejon | Fr. | 20,— | Anonimulo | Fr. | 250,— |
| Art. Claes | | 10,— | H. Boffejon | | 41,35 |
| Oscar Van Schoor | | 25,— | Anonimulo | | 250,— |
| | | | Entute: | Fr. | 596,35 |

Niaj tri ĝis nun publikigitaj listoj estas vere kuraĝigaj. Sendube ili instigos niajn aliajn membroj ankaŭ sendi malgrandan aŭ... grandan donacon por subteno de nia laboro por Esperanto en Belgujo. Ili sendu al poŝtĉeknumero 1337.67 de « Belga Ligo Espernti sta ».

Dankon al la donacintoj kaj antaŭ dankon al la donacontoj!

# 24a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## PARIZO, 30 Julio --- 6 Aŭgusto 1932

BULTENO 17 DECEMBRO 1931

*Oficiala invito:* La Kongreso okazos en Parizo laŭ oficiala invito de la Pariza Ĉambro de Komerco sendita al la I.C.K.

*Loka Kongresa Komitato:* Prezidanto, Georges Warnier; Vicprezidanto, Intendanto-Generalo Louis Bastien; Kasisto, Lucien Tuleu; Ĝenerala Sekretario, L. N. Newell.

Komitatanoj: Jean Couteaux, René Dubois, Maurice Duperrey kaj Célestin Rousseau.

*Komisionoj de la L.K.K.:* La L.K.K. starigis diversajn Komisionojn por priatenti specialajn fakojn de la organiza laboro. La ĉi sekvantaj jam funkcias: Komisiono pri Instruado, Prezidanto, Jean Marchand (adreso: 49 avenue de Verdun, Issy, Seine); Komisiono por Ĝenerala Reklamo, Prezidanto, Eloi Alary (adreso: 1 rue de Cronstadt, Bécon-les-Bruyères, Seine); Komisiono por la Alilanda Gazetaro, Prezidanto, S. Grenkamp (adreso: 117 boulevard Jourdan, Paris XIVe); Radio-Komisiono, Prezidanto, Henri Favrel (adreso: 27 rue Pierre Guérin, Paris XVIe); Komisiono por Rilatoj kun Kongresaninoj, Prezidantino, S-ino Georges Warnier (adreso: 5 rue Claude-Chahu, Paris XVIe); Komisiono por Vojaĝoj kaj Ekskursoj, Prezidanto, Int.-Gen. Louis Bastien (adreso: 116 rue de Vaugirard, Paris VIe).

*Kongresa Oficejo:* La Maison de France, 101 avenue des Champs-Elysées, Paris VIIIème.

*Poŝtĉeka Konto:* « XXIVe Congrès Universel d'Esperanto, Paris No 1647-59».

*Kotizoj:* Oni aŭkcios kongres-karton N-ro 1; ĝis nun la plej alta propono estas dumil francaj frankoj. N-oj 2 ĝis 10 estas rezervitaj por la membroj de la familio Zamenhof. N-oj 11 ĝis 100 inkluzive kostos po mil francaj fr. N-oj de 101 ĝis la fino kostos po 125 francaj fr.

*Junulaj Membroj:* Gejunuloj, kiuj havos ne pli ol 17 jarojn ĉe la 1-a de Aŭgusto 1932; povos ricevi Junulan Kongres-karton, po 30 francaj fr. Ili rajtos ricevi senpage la Kongresan Gazeton, sed ne la aliajn Kongresajn dokumentojn.

*Pliiltigo de kotizoj:* Post la 1-a de julio 1932 oni altigos la ordinarajn kotizojn po 75 fr.; do post tiu dato, la kotizo estos 200 fr. Simile, post tiu dato, la kotizo por Junulaj Kartoj estos 60 fr.

*Blinduloj:* Oni donos senpagajn kongres-kartojn al Esperantistaj blinduloj kaj al ties vidantaj gvidantoj (po unu).

*Donacoj:* La L.K.K. tre danke akceptos donacojn por helpi pri la grandaj elspezoj de la Kongreso. Ĝis nun la Donaca Kaso sumas Fr. 264,75.

*Garantia Kaso:* La L.K.K. starigis Garantian Kason por saldi eventualan deficiton de la Kongreso. La minimuma garantio por ĉiu subskribanto estas Fr. 500. Ĝis nun ĉi tiu Kaso sumas Fr. 110.000.

*Blindula Kaso:* La L.K.K. starigis Blindulan Kason por helpi blindajn Esperantistojn ĝui la Kongreson, kaj danke akceptos donacojn por tiu celo. Ĝis nun ĉi tiu Kaso sumas Fr. 71,25.

*Fervojaj rabatoj:* La L.K.K. klopodas por ricevi specialajn rabatojn por Kongresanoj sur francaj kaj alilandaj fervojoj.

Ĝis nun oni sukcesis akiri la jenajn rabatojn:

Belga Fervoja Administracio: 35 % de la 15 julio ĝis la 31 aŭgusto 1932.

Belga Marvetura Administracio: 30 % por la ir- kaj revenbileto Dover-Ostende, de la 15 julio ĝis la 31 aŭgusto 1932.

Ĉeĥoslovakaj Fervojoj: 33 1/3 %. Ĉi tiu rabato validas tri monatojn.

Ĉi tiuj rabatoj estas akiritaj de la koncernaj naciaj societoj, nome la Belga Ligo Esperantista kaj la Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista. Pluajn detalojn kaj rabatojn ni anoncas en estontaj bultenoj.

*Kongresa Gazeto:* La L.K.K. eldonos, komence de januaro 1932, specialan « Kongresan Gazeton », kiu estos sendata al la Kongresanoj senpage. La Ĉefredaktoro estas la fama autoro, Raymond Schwartz, kies nomo garantias utilan, viglan kaj spritan gazeton. Oni sendos la jam aperintajn numerojn al ĉiu Kongresano ĝis elĉerpiĝo de la ekzempleroj. Sekve ni konsilas al tiuj, kiuj deziras havi kompletan kolekton de ĉi tiu unikajo, ke ili aliĝu al la Kongreso tuj.

*Karavanoj:* En diversaj landoj oni organizos karavanojn al la Kongreso. La organizantoj estas petataj komuniki kun la Ĝenerala Sekretario kiel eble plej frue, por eviti duoblan laboron. La L.K.K. faros anoncojn en siaj bultenoj en la « Kongresa Gazeto » de tempo al tempo.

*Kongresejo:* La L.K.K. luas grandan novan konstruaĵon, la Maison de la Mutualité, rue St-Victor, Paris Vème. Ĝi estas tre bela konstruaĵo kaj estas speciale deseginta por kongresoj. Krome, ĝi estas en la Latina Kvartalo, kaj facile atingebla de ĉiuj partoj de Parizo. Tie ĉi okazos la laborkunsidoj, fakaj kunvenoj kaj Somera Universitato; plue la Kongresanoj trovos en la sama loko la sekretariejon, informejon, vendejon, babilejon, skribejon kaj restoracion.

*Fakaj kunvenoj:* Oni jam anoncis fakajn kunvenojn de la jenaj fakoj: T.A.G.E., « Literatura Mondo », Internacia Societo de Esperantistaj Juristoj, Blinduloj, Fervojistoj. Krome, oni aranĝos specialan viziton kaj akcepton de la Kongresanoj en la fama Instituto Pasteur.

*Ĉe-Kursoj:* Por varbi novajn Kongresanojn, la L.K.K. organizas Ĉe-kursojn en Parizo kaj aliloke en Francujo. Grup-sekretarioj kaj aliaj kiuj deziras organizi tian kurson en sia urbo petu detalojn al s-ro Jean Marchand, Prezidanto de la Komisiono pri Instruado, 49» avenue de Verdun, Issy (Seine), Francujo.

*Loĝado:* La L.K.K. organizadas hotel-servon por la Kongreso, kaj esperas disponi pri sufiĉa nombro da tre malkaraj loĝejoj. Interalie, oni klopodas por organizi tendaron en arbaro tre proksime de Parizo. Pluaj informoj kun prezoj sekvos post nelonge.

*Subvencioj:* La Pariza Ĉambro de Komerco difinis al la Kongreso subvencion de 5.000 francaj frankoj.

*Kunvenoj de la L.K.K.:* La kunsidoj de la L.K.K. okazas en la Instituto de Intelekta Kooperado, kiu afable disponigis salonon tiucele.

*Aliĝoj:* Belgujo, 13; Ĉeĥoslovakujo, 1! Francujo, 18; Germanujo, 4; Granda Britujo (kun Norda Irlando), 15; Italujo, 1; Nederlando, 2; Polujo, 9; Svedujo, 3. Sume: 66 el 9 landoj.

# BONHUMORO

INTER AMIKINOJ. — Kaj ĉu via unua balo sukcesis?

— Mirinde. Oni faris al mi naŭ proponojn pri edziniĝo kaj mi akceptis kvar!

INTER GEAMANTOJ. — *Li.* : mi decidis paroli al via patro hodiaŭ vespere. *Ŝi* : Ĉu vere? Nu, mi esperas ke de tempo al tempo vi skribos al mi el la hospitalo.

ANTAŬZORGO. — La ekspertizisto en skriboj. — Tiu skribo montras paciencon, indulgon, bonecon,...

*La kliento.* — Bone! Tio kvietigas min. La skribo estas tiu de la tajloro ĉe kiu mi intencas mendi novan kostumon!

INTER PATRINO KAJ FILINO. — *La patrino.* — Vi do permesis al tiu viro kisi vin en la salono?

*La filino.* — Pripensu, panjo; estas ja tro malvarme en la vestiblo!

PRAKTIKA VIDVO. — Ĉe kunveno de spiritistoj iu funebre vestita sinjoro petas paroli al la prezidanto.

— Kion vi deziras, petas tiu ĉi.

— Mi tre dezirus, ke vi aperigu la ombron de mia edzino, kiu mortis hieraŭ.

— Kial?

— Mi volus peti ŝin, kien ŝi metis la butonon de miaj manumoj.

AMUZO. — Iu sinjoro, kiu aĉetis radio-aparaton por distriĝi aŭdas ĉe la ekfunciigo : « La balado de la pendigito! »

PUDINGO. — *La juna edzino.* — Mi ricevis la recepton de tiu pudingo per radio.

*La edzo, gustuminte.* — Sendube vi ne havis la ĝustan ondlongecon!

RAKONTO. — Patrino rakontas al kvinjara Petro rakonton. Subite li diras : Kaj ci, panjo, ĉu ci ankaŭ ŝatas rakontojn.

— Jes, karulo mia.

— Nu, mi al vi rakontos sed nur mallongan : « Estis iam bela kruĉo... kaj hieraŭ mi ĝin rompis. »

Kaj tiun fojon la sprita Petro akiris pardonon.

LA PLEJ BONA VOJO. — La juna Alfredo klopodas klarigi detalon el la leciono pri logiko.

— La plej mallonga vojo estas la plej bona, diris nia profesoro.

— Via profesoro estas idiotulo! ekkriis la patro, konduktoro de taksimetro.

SENUTILE. — *La patrino al la vartistino.* — Se vi ne sukcesas kvietigi la infanojn, konduku ilin al mi : mi kantos ion por ili.

*La vartistino.* — Sed, Sinjorino, ne helpas, mi jam minacis ilin je tio.

PRI ĈAPELO. — *La edzo.* — Vi pardonos al mi, sed ĉiufoje, kiam vi metas vian novan ĉapelon, mi ne povas malhelpi ke mi ridas.

*La edzino.* — Ĉu vere? Nu, mi portos ĝin, kiam alvenos la fakturo.

## Propra Internacia Hejmo Esperantista en Aspremont (Alpes Marit.) Francujo

La Direktoro de la I.C.K. en Genevo sciigas al ni la jenon: « Post kiam la formalaj detaloj kun la aŭtoritatoj ktp. estas ordigitaj, ni povas sciigi oficiale, ke la movado nun posedas sian unuan internacian hejmon esperantistan en Aspremont (Alpes Maritimes) en Sudfrancujo, 13 km. de Nico. Ĝi konsistas el domo kun 9 ĉambroj instalitaj (kun simpla komforto) kaj tereno de 30.569 kv. metroj. Ĝia celo estas, ebligi al ripozemaj samideanoj kaj turistoj esperantistaj libertempan restadon dum kiu ajn sezono de l'jaro je moderaj kostoj. Ĉar la loko estas limigita, estas necese anonci sin sufiĉe frue. Detaloj estas sciigataj per anoncoj kaj informoj en la Esperanto-gazetaro. Gvidantoj de la Hejmo estas Gesinjoroj E.E. Yelland el Londono.

Detalajn informojn pri la restado oni ricevas kontraŭ 1 respondkupono de « *Internacia Hejmo Esperantista (Nia Civito, Aspremont (A. Marit.) Francujo.*

La entrepreno, kiu estas propraĵo de la movado, estas ekspluatata sub la aŭspicioj de la I.C.K. »

# DIVERSAJ INFORMOJ

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO, Belga Teritorio. — La membroj kiuj ne ankoraŭ repagis sian kotizon por 1932 estas petataj tion fari senprokraste, se ili volas regule ricevi la gazeton. Ili pagu simple al la Poŝtĉeko n-ro 284.20 de la Ĉefdelegito por Belgujo: Fr. Schoofs, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien, Antverpeno.

« INTERNACIA LIGO DE VIRINOJ POR LA PACO KAJ LA LIBERECO », (franca sekcio), iniciatis presigi glumarkojn por la senarmigo, kiuj rondiras tra la tuta mondo dum la daŭro de la malarmada konferenco. La glumarkoj estas presitaj en kvar lingvoj, germana, angla, franca kaj *esperanta*, do granda sukceso kaj bona propagando por nia lingvo.

La marko estas verkita de la famkonata artisto franca Paul Colin kaj montras du statoj, la nuna epoko, la armita stato estas reprezentita per homo kun bajoneto sed kun bandaĝita kapo kaj mortanta aspekto; malantaŭe, nur konturvizaĝo kun olivuja branĉeto reprezentas la estontan staton. La kolorfono estas ruĝa, simbolo de ago. La estrinoj de la franca sekcio de la ligo, kiuj estas tute favoraj por Esperanto, klopodas por enkonduki ĝi en sian potencan medion kaj krei en 1933 internacian someran kurson nur esperantlingve.

*Esperantistoj*, kuraĝigu ilin, *kreskigu* la olivujan branĉeton, *Aĉetu* grandkvante la glumarkojn. Prezo: Fr. 0,10 franca, 4 fr. por folio kun 42 glumarkoj. Sin turni al S-ino Guinaud, Rue Blanchard, Ballancourt (Seine et Oise), Francujo.

La INTERNACIA FOIRO DE LYON (Francujo) daŭrigas uzi Esperanton por sia eksterlanda propagando. Ĝi ĵus dissendis Esperantlingvan cirkuleron pri siaj du estontaj elmontroj: 7-20 Marto 1932: Generala Foiro, Higiena ekspozicio kaj Ekspozicio de la moderna Libro; 15-20 Marto: Semajno de la Agrikultura Maŝino. Ĉiujn informojn donos senpage la gvidanto: S-ro Richard Levin, Komerca Delegito de U.E.A., Foiro de Lyon, rue Ménestrier, Lyon.

# BIBLIOGRAFIO

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko. De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon.*

*Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien; poŝtĉeko n° 1689.58.*

*TRIDEK JAROJN EN LA ORA NORDO de Jan Welzl. — El la ĉeĥa esperantigis kaj eldonis Moraviaj Esperanto Pioniroj, Olomouc, Ĉeĥoslovakujo. 1931. 314 Paĝ. 15x20 cm. Prezo Sv. Fr. 5,— plus 10 % por afranko. Bind. Belg. Fr. 37,50.*

Ĉi tiu stranga libro rakontas la eksterordinarajn aventurojn de ĉeĥa elmigrinto, kiu, post longa vag-vojaĝo, alvenis al insuloj norde de Azio kaj Ameriko, kie li vivis dum 30 jaroj meze de la Eskimoj, progresis, sukcesis kaj iĝis landestro. La vivado en tiuj malmulte konataj regionoj estas tiel reliefe priskribita, ke la legado impresas preskaŭ kiel filmo. La optimismo kaj la vivikuraĝo sur ĉiu paĝo esprimataj, estas tiel stimulaj, ke ni forte rekomendas la libron al ĉiu, kiu estas senespera pro la nuna ekonomia krizo. Oni tie trovos lecionon instruantan, kiel simpla homo armita nur per ambaŭ manoj kaj iom da elementaj meti-konoj, kapablas trabati al si enviindan situacion. Kiel? Laborante senlace kaj inteligente. Bedaŭrinde, la broŝurado de la libro tute mankas, tiel ke la paĝoj estas nefiksaj. Krom tio, bele eldonita kaj zorge presita libro, kiu plezurigos ĉiun akironton.

*MINIATUROJ de Geoffrey Dalrymple Nash. 1931. The Esperanto Publishing Co Ltd. Aĉetebla ĉe Brita Esperantista Asocio 142 High Holborn, London W.C.1, Anglujo. 58 Paĝ. 13x19 cm. Prezo 2 ŝ 6 p.*

Enhavas poemojn de neegala valoro. Kelkaj estas en simpla formo vere poeziaj. Aliaj, en turmentitaj frazoj, malglate fluantaj, esprimas malfacile kompreneblajn ideojn. Entute tamen, la aŭtoro sukcesis en sia provo doti nian literaturon per kelkaj atentindaj belaĵoj. Se li povus klopodi al plia polurigo de stilo kaj precipe al plej simpla esprimo de ideo, ni kredas, ke ni havos estonte la plezuron laŭdi lin pli senrezerve.

*FUNDAMENTO DE ESPERANTO de L.L. Zamenhof. — Gramatiko, Ekzercaro, Universala Vortaro. FRANCA ELDONO. Paris, Esperantista Centra Librejo. — Anvers, Belga Esperanto Instituto, 11, rue du Petit Chien. 1931. 90 Paĝ. 12x17 cm. Prezo: Fr. 5,—.*

Aparta eldono de la franca Fundamento, kiu ĝis nun estis kune kun la angla, germana, rusa kaj pola partoj en la tiel nomita Kvinlingva eldono. Tiu ĉi aparta eldono, pro sia pli malalta prezo instigos la kurs-gvidantojn el la franclingvaj regionoj, al ĉiama uzado de la Fundamento, ĉu sola, ĉu apud alia lernolibro. Oni nepre zorgu, ke la Fundamento estu en la manoj de ĉiu lernanto. Esperantisto sen Fundamento estas kiel kristano sen Evangelio.

*INLEIDING TOT ESPERANTO door M. Rollet de l'Isle. Tradukita de Maur. Jaumotte. 1931. Belga Esperanto-Instituto (Koopera Societo), 11 Kleine Hondstraat, Antverpeno. 84 Paĝ. 14x21 cm. Prezo Fr. 5,—.*

Bonega eldono en flandra lingvo de la tre konata franca « Initiation à l'Esperanto » de Rollet de l'Isle. Ĝi enhavas en konciza formo ĉion, kion Esperantisto devas scii pri sia lingvo, ties kvalitoj, historio, disvasteco, propagando. Ĉiu flandra kaj nederlanda Esperantisto devas akiri plurajn ekzemplerojn de tiu broŝuro, ne nur por refreŝigi aŭ kompletigi sian propran scion, sed por posedi propagando-materialon kiun li legigu al amikoj. Multaj personoj estas per sia temperamento kvazaŭ antaŭdestinitaj por iĝi Esperantistoj. Nur mankas, ke ili konu la ekziston de la movado. Estas kiel bona grundo en kiu mankas la semo. Vi estu la semantoj; la semeroj estas tiu ĉi « Enkonduko », kune kun la « Ruĝa Broŝuro » de Fr. 0,50. Rememoru la proverbon « Onbekend is onbemind » Nekonata-neamata. Konigu kaj amigu Esperanton.

---

Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO.